


# INTERNACIA FERVOJISTO

**2006.1**




*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

**Bonan novjaron**

*deziras la IFEF-estraro*

*al ĉiuj membroj,*

*kunlaborantoj,legantoj kaj*

*esperas akcepti multnombrajn*

*partoprenontojn okaze de sia*

*internacia kongreso*

*en Ŝanhajo.*

**Frontpaĝe.**

Lokomotivo en la fervoja stacio de Rigo (Latvio).

Fotis Walter Ullmann kadre de sia artikolo en paĝo 16.

## Enhavo




# La 58-a Kongreso de IFEF, Ŝanhajo, Ĉinio 6-13 majo 2006 kaj la postkongreso en Pekino 13-17 majo

## Pri la ekskursoj

***Temas pri la korektita programo***

**DUONTAGA D1**

lundon, la 8-an de majo,
Ekveturado: 13.00
Proksima daŭro: 5 horoj
Prezo : 17€

**Templo de Jada Budho, Ĝardeno Yuyuan, Templo de Urba Dio, Malnova urbo-parto**

La ***Templo de Jada Budho*** famas pro siaj du jadaj budhoj - kuŝanta kaj sidanta.

***Ĝardeno Yuyuan kaj Templo de Urba Dio*** situas en la centro de la malnova urboparto. La ĝardeno konstruita antaŭ 430 jaroj estis privata ĝardeno de mandareno.

***La Templo de Urba Dio*** situas tute proksime de la Ĝardeno Yuyuan. Ĝi estis konstruita antaŭ 800 jaroj. La dio estas multe kultata de budhistoj. Ĉiutage miloj da homoj vizitas la templon kaj butikumas en proksimaj vendejoj.

**DUONTAGA D2**

vendredon, la 12-an de majo
- Ekveturado: 9:00
- proksimuma daŭro: 5 horoj

***Muzeo de la fervojo en Ŝanhajo Magnetsveba trajno***

Magnetsveba trajno estas la nura en la mondo, kiu ĉiutage veturigas pasagerojn je rapideco de 431km/h. La vojo longas 30 kilometrojn, kaj la veturado bezonas nur 7 minutojn.

**TUTTAGA EKSKURSO T1**. Hangzhou
- merkredon, la 10-an
- Ekveturado: 8:00
- prezo: 48 EUR

Urbo Hangzhou distancas de Ŝanhajo je 180 km-oj. Ĝi renomiĝas per la Okcidenta Lago ĉirkaŭita de pitoreskaj montetoj, diversaj pavilonoj kaj rokaj kavernoj sur montoj. Ĉiuj lokoj ĉe la lago estas vidindaj. La ĉarmo de la lago donas surprizon al la turistoj.

***Pli da detaloj pri tiu ekskurso, vi legos en la sekvontaj paĝoj.***



*Pagodoj ĉe okcidenta lago*

# La Okcidenta Lago -- unu el la vidindaĵoj de Hangzhou

"En la ĉielo estas la paradizo, sur la tero Suzhou kaj Hangzhou". Tion diris la antikvuloj, priskribante la belecon de tiuj fame konataj urboj en la orienta landparto de Ĉinio. Hangzhou kun historio de du mil jaroj nun estas la ĉefurbo de la provinco Zhejiang.

La renomo de Hangzhou venas ĉefe de la pitoreska Okcidenta Lago ( "Xihu" en la ĉina lingvo ) ĉe la okcidenta urborando. La Okcidenta Lago kovras ses kvadratajn kilometrojn, kaj estas ĉirkaŭata triflanke de ondantaj montetoj protektataj de la densa arbaro. Meze de la lago estas tri insuletoj – Eta Yingzhou, Lagmeza Pavilono kaj Ruangong-insuleto. La Soleca Monteto ( "Gushan" en la ĉina lingvo ) staras sur la norda lagobordo.

Dek interesaj punktoj ĉirkaŭas la lagon aŭ estas parto de ĝi. La insuleto Eta Yingzhou estis konstruita en la jaro 1607 per dragaĵoj el la lago. La ĉarmo de la insuleto aperas nur interne de la pordo. Estas "interna lago" ĉirkaŭita de salikoj kaj floroj kaj kun pli malgranda insuleto en la centro. Eta Yingzhou, efektive estas "lago interne de lago" kaj "insuleto interne de insuleto". La pli malgranda insuleto interligiĝas al la bordo per zigzaga ponto kun 30 kurboj. Punktita per terasoj kaj pavilonoj, la insuleto estas vidindaĵo de malgranda tipo.

La Lagmeza Pavilono, kiel la nomo indikas, estas konstruaĵo laŭ tradicia stilo, leviĝanta el la akvo kvazaŭ miraĝo en la matena nebuleto.

La Soleca Monteto estas la centro de la vidindaĵoj de la Okcidenta Lago. Oni povas iri al la monteto de la urbo laŭ Bai-digvojo, longa digo flankita per persikarboj kaj plorsalikoj je regulaj interspacoj. La digo ricevis sian nomon de ***Bai Juyi***, unu el la plej famaj poetoj de la dinastio Tang. En la jaro 822, Bai Juyi estis degradita el sia kortega ofico kiel guberniestro de Hangzhou, pro skribo de satiraj poemoj pri la kortego. Dum sia trijara restado en Hangzhou, li ordonis dragadon de la Okcidenta Lago por doni akvon al la ĉirkaŭaj plugeblaj kampoj. La lokaj popoloj esprimis sian dankemon per titolado de la digo laŭ lia familia nomo Bai.

La "Aŭtuna Luno sur Serena Lago" estas vidindaĵo sudoriente de la Soleca Monteto. La parko ĉe la montpiedo estis konstruita antaŭ 280 jaroj. Ĝi estas pitoreska pro siaj surpentritaj pavilonoj. Zigzaga ponto kondukas al ŝtonplataĵo preskaŭ samnivela kiel la akvo. Starante tie, oni havas impreson, kvazaŭ oni starus sur akvo. Estas tute sorĉe precipe kun luno brilanta sur la tremetanta surfaco.

Sur la Soleca Monteto floroj neniam mankas. La Grua Pavilono ĉe la montpiedo ĉarmas en printempo per siaj umefloroj. Laŭdire, la konata poeto Lin Hejing en la 10-a jarcento ermitiĝis ĉi tie por esprimi sian malŝaton al la putra altrangula rondo. Sur la monteto li verkis poemojn, pentris, plantis umearbojn kaj bredis paron da gruoj. Kiam li mortis, velkis ĉiuj liaj 360 umearboj, kaj ankaŭ liaj du blankaj gruoj mortis, supozeble pro ĉagreno. La lokaj samtempuloj enterigis la gruojn apud la tombo de Lin Hejing kaj konstruis la Gruan Pavilonon. Ili ankaŭ plantis pli multe da umearboj sur la monteto memore al Lin Hejing.

Vizitinda ankaŭ estas la sidejo de la Sigelilo-gravurista Societo Xiling okcidente de la Soleca Monteto ĉe la montpiedo. Tie videblas fontoj, antikvaj arboj, bambuoj, blankaj magnolioj kaj ruĝaj kamelioj. En la jaro 1903, kiam la dinastio Qing proksimiĝis al sia fino, la notinda pentristo kaj gravuristo ***Wu Changshuo*** kaj liaj amikoj fondis artistan grupon por studi la ŝtonsigelilan gravuradon kaj nomis sin la Sigelilo-gravurista Societo Xiling. Gravurado de sigeliloj estas unike ĉina artformo kun



Ŝanhajo en nokto

longa historio. Antikvaj sigeliloj estis ĝenerale faritaj el bronzo. Post la 14-a jarcento, oni ekuzis ŝtonon en la gravurarto, kaj disvolviĝis nova tekniko. En iujn sigelilojn oni gravuris ies nomon aŭ ŝercnomon, en aliajn proverbojn aŭ versojn. Oni stampis sigelile sur pentraĵojn kaj kaligrafaĵojn vermiljone. Volumoj de sigelilaj stampoj estas elmontrataj en la domoj de la Societo.

Ĉi tie la ponto ***Xiling*** kondukas al Su-digvojo meze de la Okcidenta Lago. La digo konstruita en la 11-a jarcento, kiam la Song-dinastia granda poeto Su Dongpo estis prefekto de Hangzhou. Same kiel Bai Juyi, ankaŭ ***Su Dongpo*** gajnis popularecon inter la loka popolo per dragado de la Okcidenta Lago kaj konstruado de la 2 800 metrojn longa digo kun persikarboj kaj salikoj plantitaj laŭ la tuta longo. Ses sveltaj pontoj ligas ĝiajn sep partojn. Su-digvojo kaj la pontoj fariĝis la pratipo por pejzaĝo-aranĝoj en aliaj landpartoj.

Ne fore de la ponto Xiling estas la Tombo kaj Templo de ***Yue Fei,*** granda nacia heroo, kiu faris multe por forpeli invadantojn de la norda nomado Jin. En la templa halo vidiĝas 4,3 metrojn alta statuo de Yue Fei en militista uniformo. Supre de la statuo videblas kvar ideogramoj en la manskribo de Yue Fei, kun la signifo: "Reakiru nian perditan teritorion." Sur la plafono estas pentraĵo de tricent blankaj flugantaj gruoj simbolantaj justecon kaj necedemon de Yue Fei.

La Okcidenta Lago liveris scenejon por la fantazia legendo pri la Blanka Serpento.

Neapartigebla parto de la rava pejzaĝo de la Okcidenta Lago estas la Pagodo BaoShu (Pagodo de Beno) de la reĝo Shu sur la monteto Baoshi (Gemo), proksime de la Rompita Ponto. Laŭdire, la pagodo estis konstruita en la 10-a jarcento, kiam la reĝo Shu vojaĝis norden. La sepetaĝa pagodo falis kelkfoje tra la jarcentoj, kaj la nuna konstruaĵo estis finita en 1933 surbaze de la origina. La pagodo estas tute el ŝtono, svelte kiel pinglo pikanta la ĉielon. Ĝi estis silueto tiel eleganta kaj glata, ke oni komparis ĝin al belulino el la antikveco aŭ al plumo sur kresto de fenikso.

Notoj:

***Bai Juyi*** (772-846):fama poeto de Tang-dinastio (618-907). Dum sia junaĝo, li multe konis kaj bone komprenis la socian vivon kaj la suferojn de la popolo. Liaj poemoj estis verkitaj en populara lingvo.

***Xiling:*** loko ĉe la Soleca Monteto.

***Wu Changshuo*** (1844-1927): kaligrafo, pentristo kaj gravuristo, fondinto kaj estro de la Sigelilo-gravurista Societo Xiling.

***Su Dongpo*** (alinome Su Shi, 1037-1101): literaturisto, kaligrafo kaj pentristo en la Norda Song-dinastio.

***Yue Fei*** (1103-1142): fama generalo de la Suda Song-dinastio (1127-1279). Li plurfoje venke rezistis kontraŭ la invadoj de Jin-dinastio (1115-1234) en la nordo, sed fine estis ekzekutita de la ĉefministro Qin Hui (1090-1155), kiu jam delonge kapitulacis al Jin kaj servis kiel spiono de la malamiko. Dum la postaj centoj da jaroj la popolo multe respektis Yue Fei kaj malamis Qin Hui.

***Xiaozong*** (1127-1194): imperiestro de la Suda Song-dinastio.

*Verkis Han Zuwu*

# PROGRAMO DE LA 58-A IFEF-KONGRESO

| Dato | Tempo | Programo |
|---|---|---|
| 05.05.2006<br>(vendredo) | 13.00-20.00 | Informejo, akceptejo |
| 06.05.2006 (sabato) | 08:00-20.00<br>12:00<br>15:00-16:00<br>16:00-17:00<br>18:00<br>20:00-22:00 | Informejo, akceptejo<br>Tagmanĝo<br>Gazetara konferenco<br>Kunsido de la IFEF-estraro kaj LKK<br>Vespermanĝo<br>Interkona vespero |
| 07.05.2006<br>(dimanĉo) | 08:00-19.00<br>09:00-9.30<br>10:00-12:00<br>12:00-12:30<br>13:00<br>14:00-16:00<br>18:00 | Informejo, akceptejo<br>Akcepto de la urbestro<br>Inaŭguro<br>Komuna fotado<br>Tagmanĝo<br>Faka komisiono<br>Vespermanĝo |
| 08.05.2006 (lundo) | 08:00-19:00<br>09:00-12:00<br>12:30<br>13:00-18:00<br><br>18:00 | Informejo, akceptejo<br>Komitatkunsido nepublika<br>Tagmanĝo<br>Duontaga ekskurso (Dl): (En Ŝanhajo: Jada Budho, Yuyuan ĝardeno, Urba Dio, malnova urboparto)<br>Vespermanĝo |
| 09.05.2006 (mardo) | 08:00-19:00<br>09:00-12:00<br>12:30<br>14:00-15:00<br>15:00-17:00<br>18:00<br>20:00-22:00 | Informejo,<br>Plenkunsido publika<br>Tagmanĝo<br>La 59-a IFK prezentas sin<br>Faka komisiono<br>Vespermanĝo<br>Kultura vespero |
| 10.05.2006<br>(merkredo) | 08:00 | Tuttaga ekskurso (Tl ) Vizito al la pitoreska urbo Hangzhou (Tagmanĝo kaj vespermanĝo okazos survoje). |
| 11.05.2006 (jaŭdo) | 08:00-19:00<br>09:00-10:00<br>10:00-12:00<br>12:30<br>14:00-16:00<br>16:00-17:00<br>18:00-24:00 | Informejo<br>Fakprelego<br>Fervojaj novaĵoj<br>Tagmanĝo<br>Fakprelegetoj<br>Movadaj aferoj<br>Bankedo kaj Internacia Balo |
| 12.05.2006<br>(vendredo) | 09:00-15:00<br><br>15:00-16:00<br>18:00<br>20:00-22:00 | Duontaga ekskurso (D2) (En Ŝanhajo: Fervoja Muzeo, Magnetsveba trajno. Tagmanĝo survoje)<br>Solena fermo<br>Vespermanĝo<br>Adiaŭa vespero |
| 13.05.2006 (sabato) | 08:30 09:00 | Hejmen veturado; La postkongresanoj ekveturas. |

**Aliĝilo**

| | | |
|---|---|---|
| Kongreskotizoj | ĝis 31.01.2006 | ekde 01.02.2006 |
| Kongresano (IFEF membroj) | 50 Eŭroj | 60 Eŭroj |
| Familiano kaj junulo/ino ĝis 30 jaroj | 25 Eŭroj | 30 Eŭroj |
| Kongresano (ne IFEF membro) | 60 Eŭroj | 70 Eŭroj |
| Simpatianto | 30 Eŭroj | 40 Eŭroj |
| **Servoj** | | |
| Ĉambroperado | | 2 Eŭroj |
| Tranoktado por unu nokto laŭ elektita | | …. Eŭroj |
| Duontaga ekskurso D.l. (laŭ programo) | | 17 Eŭroj |
| Duontaga ekskurso D.2. (laŭ programo) | | 25 Eŭroj |
| Tuttaga ekskurso (laŭ programo) | | 48 Eŭroj |
| Bankedo antaŭ la balo | | 25 Eŭroj |
| Krompago por | | ….Eŭroj |
| | Sume: | |
| Loko, dato: | Subskribo: | |

*************************************************************************

## Taijiquan-ekzercado okazos ĉiumatene dum la kongreso sed kio estas Taijiquan?

***Jen la klarigoj de HAN ZUU LKK-prezidanto***

Taijiquan estas unu el la tradiciaj popularaj ĉinaj sportoj kaj ekzistas en Ĉinio ekde multaj jaroj. Ĝi signifas gimnastikon aŭ bokson, ŝatatajn de multaj ĉinoj kaj alilanduloj en la mondo. Ĝi multe sanigas korpon. Dum la 89-a UK ĝi estis unu el la interesaj programeroj de la kongresanoj.

Universala Taijiquan-Grupo de Esperanto (UTGE) estas organizo por disvastigi Taijiquan per Esperanto, disvastigi Taijiquan inter esperantistoj kaj Esperanton inter Taijiquan-ekzercantoj.

UTGE estas praktiko por uzi Esperanton kiel neŭtralan kaj helpan lingvon por realigi la egalecon de nacilingvoj sed UTGE pene kontribuas al la realigo de neŭtraleco kaj egaleco dum la kultura interfluo inter popoloj.

UTGE aranĝas siajn lecionojn por kontentigi diversajn bezonojn, por resti en sano, por helpi kuracadon de kronikaj malsanoj, por partopreni en



Taijiquan-konkursoj, por scipovi luktadon kaj por bone kompreni ĉinan kulturon. Ĉiu, kiu interesiĝas pri Taijiquan, povas membriĝi al UTGE senkotize. Kaj ĉiu, kiu havas sian lokan grupon kun minimume 4 Taijiquan-ekzercantoj, povas peti delegitecon de UTGE.

Bonvolu viziti la TTT-ejon de UTGE: **WWW.01248.cn/espero**

Bonvulu viziti ĝiajn retajn lecionojn: **WWW.01248.cn/espero/leciono**

# 25-a KONFERENCO DE BFES

La 29-an kaj 30-an de oktobro 2005 okazis la 25-a jubilea konferenco de Bulgara Fervojista Esperantista Sekcio ĉe Bulgara Esperantista Asocio. Por la konferenco estis elektita kiel loko la ripozdomo de la fervojistoj "PANICISTE" en la montaro Rila. Belega loko - 1700 m-ojn super marnivelo kaj granda kaj bela ripozdomo. De la fervojstacio Dupnica ĝis la ripozdomo oni, 40 minutojn, veturas per busoj. Survoje troviĝas la fame konataj Separevaj mineralakvaj banejoj. La fonto ŝprucas je 103 gradoj celsiaj, 75 m-ojn super la tero.

Sabate, la 29-an, je la 16 h 00, ĉiuj partoprenantoj -37 personoj - jam estis en "PANICISTE".La vetero estis belega. En la densa pinarbaro, la freŝega aero favoris la promenadon kaj preskaŭ ĉiuj profitis la okazon, antaŭ la konferenco, por ĝui la lokon.

La konferenco komenciĝis je la 18-a h, en la granda salono de la ripozdomo. La prezidanto de BFES - inĝ. Veselka Kamburova - malfermis la konferencon. Ŝi menciis la viziton de la kongresanoj de BEA en Galàbovo, de IFEF en Braŝovo-Rumanio, de la kongreso de UEA en Vilno-Litovio, la printempan renkontiĝon en la Starozagoraj Mineralakvaj Banejoj, la eldonon de la Bulteno de BFES -" BULGARA FERVOJISTO", la elekton de sinjoro Tonco Valev kaj s-ino Vjara Kirilova, kiel Honoraj Membroj de BEA dum la 57-a kongreso en Galâbovo, k.a.

Post la raportoj, komenciĝis eldiroj, proponoj kaj rimarkoj: interalie, s-ino Cvetanka Miteva parolis pri la vizito de la 57-a kongreso de IFEF en Braŝovo kun la bulgara grupo kaj ŝi revenis tre kontenta. Pri la kongreso en Braŝovo ankaŭ parolis s-ro L.Karakasev. Li diris, ke ĝi estis pli bone organizita ol la 54-a en PIovdiv-Bulgario en 2002. S-ro Metodi Markov rakontis pri sia veturado en Eŭropo pere de "Pasporta servo". Li konatiĝis kun multaj fremdlandaj esperantistoj. S-ino Mariela de G.Orjahovica parolis pri la societa agado. S-ino Velicka Donkova rakontis la partoprenon en la 90-a kongreso en Vilno - Litovio kune kun sia edzo. S-ro T.Valev menciis, ke dum la somera lernoferio, li lernigis en Esperanto kelkajn infanojn 8 jaraĝajn. Post la debatoj pri la raportoj komenciĝis la aliaj punktoj de la tagordo.

Klarigojn pri la 58-a IFEF kongreso en Ŝanhajo-Ĉinio faris V.Kamburova. Bedaŭrinde, pro multekosta veturado al la malproksima Ĉinio, neniu ekdeziris partopreni. Pri la skisemajno en 2006 en urbo Bansko - 5-a - 13-a de februaro, klarigojn faris s-ino Reni Georgieva-sekretario de BFES. Oni faris proponon, ke la tradicia printempa renkontiĝo, kiun ni faras ĉiu jare, estu en urbo Bansko dum la skisemajno. La propono estis aprobita.

La konferenco devis elekti novan estraron. Kiel nova prezidanto denove estis elektita inĝ.Veselka Kamburova. Post la fino de la oficiala programo, venis la amuza vespero en la sama ripozdomo, kie sonis bela muziko, estis abunda manĝaĵo kaj oni dancis viglajn dancojn. Dum paŭzo la nova prezidanto Kamburova faris donacojn al la honorigitoj. Ŝi ankaŭ anoncis sian skipon:
Sekretario: s-ino Reni Georgieva,
Kasisto: s-ino Penka Dilova,
Redaktoro: s-ro Tonĉo Valev.

*Tonĉo Valev*

# Jarkonferenco en Ĉeĥio

Ĉeĥa landa asocio de IFEF ĉe FISAIC ČD aranĝis, de la 7-a ĝis la 9-a de oktobro 2005, en la nordĉeĥa urbo Ústí nad Labem, sian 40-an jarkonferencon. Partoprenis delegitoj kaj gastoj el Aŭstrio, Bulgario, Germanio, Hungario kaj Rumanio.



*Rumana reprezentanto, s-ino Rodica Todor, salutas la jarkonferencon.*

Dum la labora parto de la jarkonferenco la ĉeĥaj fervojistaj esperantistoj pritraktis sian agadon dum pasinta periodo, sed ankaŭ planojn kaj taskojn por la venonta tempo.

La ĉefaj punktoj de la agado okazanta en bona kunlaboro kaj kun subteno de la Landa Asocio FISAIC ČD konsistas el: kunlaboro kaj partopreno en ĉiuj gravaj aranĝoj organizataj fare de IFEF, aranĝo de du konferencoj ĉiujare (printempe kaj aŭtune) por la membraro, organizado de ekspozicioj kaj prezento de fakprelegoj, tradukado kaj aperigo de fakartikoloj pri trafikaj temoj, tradukado de tekstoj por filmoj kaj trafikaj muzeoj, esperantigo de la resumoj por faklibroj, partopreno en internaciaj kongresoj kaj renkontiĝoj organizataj de IFEF kaj ties landaj asocioj en najbaraj landoj.

El la supre indikitaj indas mencii aktivan partoprenon en la 57-a IFK en Braŝovo (Rumanio). Dum la jarkonferenco oni elektis la novan komitaton por venonta trijara periodo:
- prezidanto + Kn restas Jindřich Tomíšek,
- vicprezidanto: inĝ. Ladislav Kovář,
- sekretario: Ph Dr. Anna Abelovská,
- kasisto: Ladislav Špína,
- kunlaboron kun terminara sekcio de TK de IFEF prizorgos inĝ. Zdeněk Polák. Krome, oni elektis kvar anstataŭantojn,.



*Ĉk Jindřich Tomíšek veturas per la perpiede movigata drezino en Zubrnice, aŭstra delegito Martin Stuppnig „mezuras“ la rapidon.*

El kultura parto estas menciindaj du fakaj prelegetoj: pri la pli poste vizitotaj lokoj, programero de la operkantisto, baritonisto de la Ŝtata Operejo en Ústí nad Labem s-ro Miroslav Smyčka, kiu prezentis kelkajn plaĉajn popolkantojn en esperanta traduko, precipe el la etnografia regiono nomata „Moravia Slovakio“.




*Praktika priservo de la unua aparato de la elektrodinamika stacia sekuriga aranĝaĵo, funkciinta en Přerov.*

Allogaj ankaŭ estis ambaŭ fakaj ekskursoj. Dum la unua, sabate, antaŭtagmeze oni vizitis historian fervojon kaj fervojistan muzeon en Zubrnice en České Středohoří. Oni povis praktike elprovi iujn aranĝaĵojn




*Parto de la partoprenantoj atendantaj trajnon en la fervoja stacio Děčín.*

kaj veturi per la perpiede movigata drezino, aŭ laŭdezire veturi per motora drezino kun ŝoforo tra parto de la linio.

Dum la dua ekskurso, dimanĉe, antaŭtagmeze oni vizitis la unikan filian muzean ekspozicion de ČD en Děčín, antaŭ ĝia oficiala inaŭguro. Tie, kun la faka ĉiĉeronado de inĝ. Ivo Láníček, vicprezidanto de la teknika komisiono de FISAIC, oni trarigardis riĉan kolekton da objektoj de la sekurigaj kaj interkomunikadaj teknikoj uzataj en Ĉeĥio. Unu el la plej valoraj ekspoziciaĵoj estas la unua en la mondo aparato de la elektrodinamika stacia sekuriga aranĝaĵo, instalita en la moravia fervojstacio Přerov en la jaro 1894, kiun oni eĉ povis provi praktike priservi.




*Fervoja stacio Děčín.*

Pri ĉiuj vizititaj lokoj kaj en la urboj Ústí nad Labem kaj Děčín, ĉiuj ricevis la zorge preparitajn priskribojn en Esperanto.

Malgraŭ la fervoja krizo – en la lastaj jaroj – kiu influas la staton kaj funkciadon de nia fervojista esperanta agado, ni tamen esperas, ke nia Ĉeĥa l.a. de IFEF kun subteno de LA FISAIC ČD daŭros persiste labori inter ĉeĥaj fervojistoj, pruvante, ke la ideoj de Esperanto meritas tion.

*Jindřich Tomíšek*

# 15 historiaj lokomotivoj en Nurenbergo detruitaj

Incendio en konstruaĵo de la trafikmuzeo de Nurenbergo (germane *Nürnberg*) detruis, nokte, 17/18-an de oktobro multvalorajn muzeajn veturilojn, kaj kaŭzis damaĝon je duciferaj milionoj da eŭroj. La brulo estiĝis en lokomotivremizo, en kiu Germana Fervojo Akcia Kompanio *„DB"* lokis eksponaĵojn de sia firmaa muzeo.

Laŭ policaj informoj, ĉirkaŭ 15 lokomotivoj – kelkaj kun vagonoj – tute brulkonsumiĝis. Sur plej multajn falis brulanta tegmento. Ankaŭ 70-jara originalkonforma kopio de la unua en Germanio funkciinta lokomotivo *„ADLER"* (aglo) estas detruita.

La incendio en la 1500 kvadratajn metrojn granda halo komence endanĝerigis ankaŭ apudajn konstruaĵojn kaj najbarajn loĝdomojn. Ok eksplodantaj gasbalonoj kaŭzis flugfajron kaj fortan radiadon de varmego. Sed kunvokita granda fajrobrigado detenis propagon de la incendio.

La proksima fervoja trafiko *Nürnberg – Erlangen* kaj *Nürnberg – Würzburg* devis esti interrompita dum pluraj horoj. Post nokta refunkciigo okazis malfruiĝoj ankoraŭ ĝis la 18-a de oktobro. Pro densa fumo, la polico, plurajn horojn, ankaŭ baris partojn de la aŭtostrado 73.

Laŭ policaj informoj, oni sukcesis regi la fajron post malmultaj horoj; la estingado daŭris ĝis la mateno. Du fajrobrigadanoj suferis fumajn venenojn; laŭ unuaj konoj, aliaj homoj ne suferis ion.

Komence, ne eblis esplori la fajrokaŭzon, ĉar eniro en la konstruaĵon estis malpermesata pro forta varmego kaj akuta danĝero de disfalo.

*Sciigo de Germana Gazetara Agentejo „dpa" de la18-a de oktobro 2005,*

*esperantigita de Heinz HOFFMANN*

## Iom por ridi

En plenplenan aŭtobuson eniras juna virino. Unu iom aĝa viro leviĝas, sed ŝi petas lin residiĝi kaj ĝentile premas lin sur lian sidlokon.

Post nelonge, li denove volas leviĝi, sed ŝi denove premas lin sur lian lokon. Finfine la viro rezolute ekstaras kaj diras:

- Sinjorino, mi jam troveturis tri haltejojn, mi petas, lasu min finfine eliri!

# La 49-a jarkunveno de GEFA

La 14-an de oktobro 2005, la trajno veturis sur tiu, en 1927 konstruita fervoja digo, por atingi la plej nordan, germanan insulon Sylt. Tie, ĉe la rando de la belega, tipe frisa vilaĝo Rantum, la Germana Fervojista Esperanto-Asocio okazigis la jarkunvenon 2005. Nia renkontejo estis la bela BSW-hotelo „Alt Rantum“. Tridek-naŭ partoprenantoj kolektiĝis, inter ili gastoj el Belgio, Danio kaj Rumanio, kiuj ĝis la 16-a de oktobro ĝuis belegan, aŭtunan veteron kun agrabla temperaturo.



*LKK-akceptejo okaze de la 49-a jarkunveno*

Unue, iom pri la BSW-hotelo „Alt Rantum“. Tiu hotelo situanta meze de la dunoj kun mallonga vojo al la plaĝo, estas vere rekomendinda hotelo por ferii, ankaŭ kun la tuta familio. Vi povas taksi ĝin kiel tri-kvarstela hotelo. Matene kaj vespere atendis nin riĉenhava kaj bongusta bufedo.

Kiam la gastoj, posttagmeze en la unua tago, jam promenadis, por la BSW-komisiitoj, tuj komenciĝis laborkunsido, jam antaŭ la vespermanĝo. Sed, antaŭe, akceptis nin la hotelo per bongusta "frisotorto“ kaj kafo. En la tradicia "konatiĝvespero“ insulanino, s-ino Astrid Hanke, per lumbildprelego en Esperanto prezentis la insulon Sylt.

Sekvantan tagon, la 15-an de oktobro, la gastoj denove ĝuis la belan veteron. Ili veturis al Westerland, kie atendis urbgvidantino, s-ino Silke von Bremen, por montri kaj klarigi lokajn vidindaĵojn. Sed prominentulojn, kiuj normale abundas sur la insulo, ili bedaŭrinde ne renkontis. Dum la sama tempo, la komisiitoj sidis en konferencĉambro kaj pritraktis gravajn kaj ne tiom gravajn temojn de la tagordo. Posttagmeze, ĉiuj ekskursis per aŭtobuso de unu fino de Sylt al la alia. Ni veturis tra vidindaj, tipe frisaj vilaĝoj kun belegaj domoj kun per kano kovritaj tegmentoj, vidis



*LKK kun eksterlandaj gastoj*




*Partoprenantoj antaŭ la kongresejo*

modernajn partojn en la ĉefloko de la insulo, Westerland, kaj ankaŭ aliloke. Ni preterpasis tiujn, per amofiloj briditajn dunojn kaj ankaŭ migrodunojn. Ĉar Sylt estas insulo, ne mankis mallonga ŝipveturo. La klarigoj, survoje, estis bedaŭrinde germanaj, ĉar la ekskursoj okazis per publikaj aŭtobusoj.

Vespere estis la tradicia "dancvespero": Unue dancis la "Friesische Volklore Tanzgruppe Sylt". Ties gvidantino klarigis al la spektantoj la signifon de la kostumpartoj de la dancantoj kaj provis instrui nin eĉ la frisan lingvon. Post tiu, iom longa spektaklo, ni mem dancis, instigitaj per bela musiko. La vespero tro rapide finiĝis.

En la ekveturtago, multaj partoprenintoj jam matene hejmenveturis pro longaj vojoj hejmen, La restantoj vidis tre interesan (eble iom longan) filmon pri la germana fervojo kun la titolo: „La vojo de la relo, 1835 – 2000“. En tiu filmo eĉ parolis nia neforgesebla presidanto Achim Gießner. Tiuj adiaŭaj horoj estis eble ne sufiĉe „festaj“. Unu kaŭzon vi certe povas vidi en la tre norda situo de la jarkunvena loko. Pro tio, multaj partoprenintoj devis frue hejmenveturi kaj ne plu povis partopreni en la lastaj horoj.

Entute nia 49-a jarkunveno tre bone kaj harmonie pasis. Ĉio okazis kontente. La partoprenintoj travivis belajn, ne forgeseblajn tagojn.

*Rolf Terjung, GEFA-prezidanto*

## Baloto ĉe Hispana Esperanta Fervojista Asocio (HEFA)

Post aprobo de niaj novaj statutoj de la Ĝeneralitat de Katalunio, la pasintan 24 an de novembro, okazis la jara ordinara asembleo en nia nova sidejo de L'Hospitalet de Llobregat, Barcelona.

Estis elektitaj,
Prezidanto: Antonio de Diego
**andieg@mailpersonal.com**
Vicprezidantoj: Martí Guerrero kaj Manuel Lluis
Sekretario: Juan Miras
Kasisto: Eugenio de Jorge

La nova sidejo estas en jena adreso,

**Kataluna Esperanto Fervojista Asocio**
**Strato Josep Tarradellas,**
**nº 192 Stacio RENFE**
**08901 L'Hospitalet de Llobregat**
**KATALUNIO -- HISPANIO**

# Ĉu trajno, ĉu vagonaro, ĉu vagonkombinaĵo?



Koncerne la vortojn *trajno* kaj *vagonaro*, mi spertas oftan malcertecon ĉe ties uzantoj. Speciale en artikoloj kaj prelegoj pri nuntempe pli kaj pli fabrikataj kaj trafikantaj kombinaĵoj de pluraj (motor)vagonoj, la aŭtoroj pleje uzas netaŭgan terminon. Pro tio, mi kiel sekretario de Terminara Sekcio, volas klarigi nociodiferencojn kaj prezenti termindecidojn de nia sekcio.

Por komence iom trankviligi vin: En simplaj diroj, se temas nur pri "veturi per …", eblas sinonime uzi la vortojn *trajno*, *vagonaro* kaj eĉ *fervojo*. Sed en fakaj diroj necesas diferencigi, ke *trajno* esprimas **trafikan** nocion, rilatas al veturplano / horaro, sed *vagono* esprimas **teknikan** nocion, rilatas al industria produktaĵo.

Klare difini la nocion ***trajno*** iom malfacilas. Por Plena Ilustrita Vortaro (PIV) nia sekcio decidis la difinon: "Vagonaro kun lokomotivo, motorvagonaro aŭ alia trakveturil(ar)o kun propra trakcio, entrafikigita sur unu aŭ pluraj fervojlinioj laŭplane aŭ laŭordone." Por substreki trafikecon de la nocio, ankaŭ eblus renversa difinvortigo: "Laŭplana aŭ laŭordona trafikaranĝo sur … fervojlinioj, realigata per …trakveturil(ar)o kun propra trakcio."

Trajnon oni nomas per kategorio (regiona, rapida, ekspresa, …) kaj numero. Por ĝi estas fiksataj kurso (de … tra … al …) kaj tempoplano. La "vivodaŭro" de unu trajno komenciĝas, kiam la kompleto ektroviĝas sur elveturtrako de tiu stacio, en kiu la kurso komenciĝas. Koncerne pasaĝertrajnon, ek tiu momento pasaĝeroj rajtas envagoniĝi. Sur la kurso okazas aŭ alterne veturoj kaj haltadoj aŭ seninterrompa veturo. La "vivodaŭro" finiĝas, kiam la kompleto atingis enveturtrakon de la kursfina stacio kaj estas preta por sekva okazo; do ĉiuj pasaĝeroj elvagoniĝis, kaj oni povas manovrigi, eventuale disigi la kompleton aŭ senmodife pretigi ĝin por sekva trajno.

**Vagono** laŭ PIV estas surrela veturilo por transporti pasaĝerojn aŭ kargojn. La jam delonge kutimaj vagonoj havas ambaŭkape tiajn tren- kaj bufro-instalaĵojn, ke eblas unuopa veturigo en trafiko. Laŭ decido en nia sekcio, ili nomiĝas ***solovagonoj***. Sed pli kaj pli – precipe por pasaĝertrafiko – oni konstruas vagonojn ekipitajn ĉe unu aŭ ambaŭ vagonkapoj per firmkuplilo aŭ vagonkesta artiko tiel, ke en trafiko ili ne estas unuope veturigeblaj. Tiuj, laŭ nia decido, ***modulvagonoj*** nomataj veturiloj povas trafike veturi nur kombinitaj kiel **vagonkombinaĵoj**. En la plej multaj vagonkombinaĵoj unu aŭ pluraj vagonoj enhavas propulsmotoro(j)n. Por tiu lasta – post intensa diskuto – nia sekcio decidis la rilative longan terminon ***motorvagonkombinaĵo***. Ne eblis trovi taŭgan malpli longan nomon. Tamen, se laŭ kunteksto

klaras, pri kia specialaĵo temas, ja sufiĉas poste diri nur "kombinaĵo".

Ĝuste ĉi tiuloke mi atentigas, ke en prelegoj kaj artikoloj – ankaŭ en IF - pri tiaj novaj produktaĵoj oni ofte uzas malĝustan esprimon por tiu klare teknika nocio, pleje la vorton *trajnunuo*. Vere temas nek pri trajno (trafika nocio) nek pri unuo (laŭ PIV abstrakta kvanto rigardata kiel la elementa nombro, kiu servas por formi la ceterajn).

Nun pri **vagonaro**, kiu estas kompleto konsistanta el ĉiuj vagonoj de trajno: bedaŭrinde PIV-redakcio ankoraŭ ne korektis la vorton "unuo" al "kompleto" laŭ nia postulo. Kompare al vagonkombinaĵoj kiujn oni muntas en fabrikoj aŭ metiejoj, vagonarojn konsistigas manovristoj laŭ aktuala bezono en trafiko. Do ankaŭ la nocio *vagonaro* havas rilaton al trafiko. Vagonaro povas konsisti el

a) pluraj kunkuplitaj solovagonoj,
b) unu vagonkombinaĵo,
c) pluraj kunkuplitaj vagonkombinaĵoj,
d) miksaĵo el kunkuplitaj solovagono (j) kaj vagonkombinaĵo(j),
e) unu solovagono.

La kazo e) enhavas gramatikan malglataĵon, ĉar solovagono ne estas aro. Sed uzante la vorton "vagonaro", oni ĝenerale ne scias, kiom da vagonoj troviĝas en ĝi. La nombro estas indiferenta en la nocio. Se oni escepte scias ke estas nur unu vagono en la trajno, eblas diri "vagono" anstataŭ "vagonaro".

Se la trakcio okazas ne per lokomotivo, sed per motorvagono, ĝustas la terminoj *motorvagonaro* kaj *motor<u>vagona</u> trajno*. Malĝustas la vorto *motortrajno*, ĉar ankaŭ elektraj kaj termikaj lokomotivoj enhavas motorojn.

Post tiu detala klarigo de la unuopaj nocioj, jen 3 ekzemploj pri ĝusta terminapliko:

**vagonaroj** laŭ jena kalkulo: La cirkuldaŭro de unu **vagonaro** konsistas el 23-h Rumanaj Fervojoj modernigos sian veturilaron per 120 dizel-hidraŭlikaj **motorvagonkombinaĵoj**, de kiuj 57 estos importataj, kaj 63 estos muntataj en *Arad*. Tiuj **kombinaĵoj** en Rumanio nomiĝas "Blua sago".

En iama horaro la **trajnparo** *PANNONIA* konsistis el la **trajno** R 374 de *Bucureşti* (ekveturo 7:20 h) al *Praha* (alveno sekvatage 5:41 h) kaj el la **trajno** R 375 de *Praha* (ekveturo 23:10 h) al *Bucureşti* (alveno sekvatage 22:57 h). Por ĉiutage realigi la 2 **trajnojn**, necesis 3 egalaj hora translokado en la **trajno** R 374, el 17-hora restado en *Praha*, el 24-hora translokado en la **trajno** R 375, kaj el 8-hora restado en *Bucureşti*. Sekve, post 72 horoj = 3 tagoj la sama **vagonaro** nur la 4-an tagon denove komencis sian cirkulon. Sed ja necesis vagonaroj ankaŭ por la 2-a kaj 3-a tagoj.

Por ĉiutage realigi la 7 **trajnparojn** sur la nur 16 kilometrojn longa etŝpura fervojlinio *Radebeul Ost – Radeburg* (proksime de mia hejmo) estas bezonata nur 1 **vagonaro**.

*Heinz HOFFMANN,*
*sekretario de Terminara Sekcio*
*ĉe IFEF*

# La Fervojo en Latvio de Walter Ullmann/Germanio

**LATVIO**
*Grandeco: 64 589 km/2*
*Logantaro: 2,33 milionoj*
*Cefurbo: Rîga/Rigo*
*Lingvoj: latva (oficiala) 62 %, rusa 36 %*
*Partoprenintoj el la lando en la lasta UK: 18 personoj*

Estas rekomendinde unue legi la artikolon pri la fervojo en Litovio (IF 2005.6), ĉar la unua raporto havas rilatojn al tiu ĉi, kaj enhavas kelkajn informojn, kiuj ankaŭ validas por la latva fervojo. La ŝpuro de la latva fervojo kun la nomo "Latvijas Dzelzcelš" estas la larĝa, ĉar ankaŭ ĝiaj linioj estis konstruitaj dum la tempo de la rusa regado. La longeco de la reto estas, laŭ leksikono el 2005, 2 413 km-oj, inter ili 270 km-oj elektrizitaj. Sed, dum la veturo tra la lando, ankaŭ videblis linioj sen trafiko (do multe da herbo inter la ŝpaloj).

Latvio ne havas problemojn kun diversaj ŝpuroj, ĉar ĉiuj 4 najbaraj landoj iam apartenis al Ruslando resp. Soveta Unio, kiu uzas la largan ŝpuron. La mallongigo estas LDZ, la UIC-kodo 25.

En Latvio, mi vizitis dum la postkongresa ekskurso, du staciojn, en Rigo kaj en la urbeto Césis. En Rigo mi estis, dimancon vespere, kiam alvenis du trajnoj kun amaso da pasaĝeroj, vere amasoj. Supozeble, ili venis el la semajnfina restado sur la kamparo aŭ en feriaj domoj tra la lando. La ŝildo sur la moderna konstruaĵo, kiun oni vidas flanke de la urbo, montras la signifon en tri lingvoj: latva, rusa kaj angla. La horarafiŝoj estas en du lingvoj: latva kaj rusa, en Césis nur en la latva. La interno de la ĉefa stacidomo entenas multajn vendejojn, inter ili ankaŭ biletvendejojn. La biletoj venas el komputiloj, similaj al tiuj en Litovio. La stacio havas subpasejon kaj la trakaro estas elektrizita. La stacio Césis havas du trakojn por pasaĝeroj kaj pliaj por la trapaso sen halto kaj la vartrafiko. Je 19.30 h tie oni ŝarĝis 4-aksajn varvagonojn. Laŭ la horaro veturas sur tiu dutraka linio 5 trajnoj en ambaŭ direktoj : al Rigo kaj al Valmiera (norden). La trakoj ne estis elektrizitaj. Malfermita estis unu biletgiĉeto kaj en la stacidoma halo ankaŭ troviĝis horaro por aŭtobuskonektoj .



***Stacidomo de Rigo /Riga (stratflanko)***

La reto de la LDZ ligas 6 lokojn al Litovio, 1 al Bjelorusujo, 2 al Rusujo kaj 2 al Estonio.

Bedaŭrinde ne eblis veturi per trajno de la LDZ, sed certe valorus veturi tra la bela lando.




***Stacidomo de Césis (malantaŭ la fenestro troviĝis kafejo)***

*En la lasta IF-numero pri Litovio, en paĝo 80, indus legi ne "**partoprenintoj el nia lando en la lasta UK**" sed "**partoprenintoj el la lando…**" .*
*Koboldo trafis la verkaĵon…kaj pardonon petas*


Liepāja
BALTA MARO
Klarigoj:
land- kaj marlimo
fervojoj
LATVIO
Ventspils
LITOVIO
BALTA MARO
Rigo
Jelgava
LITOVIO
Jēkabpils
LATVIO
Cēsis
Valka/Valga
ESTONIO
Rēzekne
Daugavpils
BJELORUSUJO
RUSUJO

# Nova vesto por la Esperantomuzeo en Vieno

Ekde la unua de decembro, du gravaj ŝtataj Esperanto-institucioj, ree estos alireblaj por la publiko: la Esperantomuzeo kaj la Kolekto por Planlingvoj de la Aŭstria Nacia Biblioteko en Vieno. En Herrengasse 9, tute en la centro de la urbo, inter la Ministerio por Internaj Aferoj kaj la Ministerio por Eksteraj Aferoj situas la nove adaptita Palaco Mollard, en kiu eklogis kvar sekcioj de la Aŭstria Nacia Biblioteko. Kaj tie la Esperantomuzeo trovis sian novan hejmon kune kun la tutmonde fame konata Kolekto por Muziko kaj la unika Muzeo de Tergloboj.

Sur 90 kvadrataj metroj la nova Esperantomuzeo montras sin tute hodiaŭa: apud tradiciaj vitrinoj funkcias 6 komputilaj instalaĵoj kaj prezentas diversaspekte la Internacian Lingvon. Per ludaŭtomato ekz. la vizitantoj povas facile lerni la bazajn gramatikajn principojn de Esperanto. Ke arta lingvokreado ne nur koncernas Esperanton, sed ankaŭ naciajn lingvojn montras komputila instalaĵo per ekzemploj el la germana kaj la angla lingvoj. Filmo donas informon pri la historio de Esperanto. Speciala komputila programo montras la praktikan aspekton de nia lingvo: sur ekrano, mondomapo movebla, peras ideon pri la funkcio de la Pasporta Servo aux la delegita reto de UEA.

Konciza, sed facile komprenebla enkonduko rakontas al la publiko la fascinajn aspektojn de la propedeŭtika valoro de Esperanto, kiujn pruvis multjaraj eksperimentoj de la Kibernetika Instituto de la Universitato de Paderborn.

Krom la ampleksigo de la prezentita temaro, la muzeo ofertas plian servon: Ĝi estos ekde nun vizitebla ankaŭ sabate, funkciante dum la sekvaj tagoj: Lunde, marde, merkrede, vendrede, sabate 10h00 - 14h00, ĵaŭde 15h00 - 19h00.

La horoj de la biblioteko: lunde, marde, merkrede 9h00 - 16h00, ĵaŭde 12h00 - 19h00, vendrede 9h00 - 13h00.

**Adresoj:**
Herrengasse 9, 1010 VIENO/WIEn
Retadreso :esperanto@onb.ac.at
http://www.onb.ac.at/sammlungen/planspraĉen/eo/index.htm
Poŝtadreso: Esperantomuzeo, potfako 308, AT-1015 Vieno/Wien

*verkis Leopold Patek*

## *Detruo de zamenhofa monumento*

Johann Geroldinger el Linz (Aŭstrio) de longe favoras al esperanto kaj multe klopodas por disvatigi la noblan ideon de Zamenhof. La rezulto estas ĝenerale kontentiga sed kelkafoje peniga.

Johann Geroldinger, kiel iniciatoro (1960 - 1965) oferis kelk-milojn da libertempaj horoj por la realigo de la E.-monumento, kiu nun estas forigita; **la monumento ne plu ekzistas.**

En aprilo 2001, oni devis forigi la Esperanto-Monumenton apud la fervoja stacio Linz, pro novkonstruaĵo de la landa oficeja centro. Nun, en la jaro 2005, post novkonstruado de la stacio




*Pergamena dokumento enbetonita en la monumenta soklo.*

Linz, devus esti denove starigata la monumento. Sed antaŭ kelkaj monatoj, oni eksciis, ke la monumento estis, dum la forigo, detruita de firmao. Kaj poste, la monumentaj fragmentoj estis forĵetitaj en la rubujon .. ?

Do, nun la urbaj instancoj, sub la patronado de la urbestro, klopodas trovi anstataûajon..?

***Zamenhofstraße*** en Linz ekzistas ekde la jaro 1958 *(ankaŭ sub iniciato de J. Geroldinger).*

## *Honore al Joachim Gießner*

De la 10a ĝis la 14a de oktobro 2005 kunvenis ĉe ICH en Herzberg seminarianoj ne nur el Germanio sed ankaŭ el Danlando kaj Rumanio.

Nur skize pri Joachim Gießner. Li naskiĝis en la jaro 1913 kaj mortis en novembro 2003. Profesie, li estis stacidomestro en Herzberg. Dum 52 jaroj, li estis GEFA-prezidanto kaj dum pli ol 20 jaroj eĉ IFEF-prezidanto.

Li estis elstara organiza talentulo, i.a. li fondis la Esperanto-Grupon en Herzberg, la Fervojistan Esperantistan Asocion en Rumanio, ktp.

Senpaŭze li vojaĝis, organizis, redaktis multajn fakgazetojn, ellaboris lernolibron por turkoj, zorgis pri ampleksa fak-terminologio, tradukis, eldonis librojn kaj estis elstara fakulo rilate al tradukado de kantoj el Germanio kaj aliaj landoj (infankantoj, maristaj kantoj, kristnaskokantoj, operaj kaj operetaj melodioj). Joachim Gießner eldonis diskojn, muzikkasedojn kaj kompakt-diskojn, ekz. kun kristnaskaj kantoj.

Ofte li kunlaboris kun la konata Trio el Herzberg (Ulrich Mattke, Alfons Hoffmann kaj Walter Lange). Cetere, ili ankaŭ muzikos el la repertuaro de Joachim Gießner dum la GEA-jubilea kongreso en Braunschweig dum Pentekosto 2006.

Dum la fakseminario la iamaj geamikoj, konatuloj rigardis kaj iom ordigis grandan kvanton da fotoj el lia privata kaj esperantista vivo, ordigis parton de la kantokolektaĵo. Nia celo estas konservi lin en la memoro per kolektado de ĉiuspecaj arkivmaterialoj (kongresaj ŝildoj, insignoj, artikoloj, ktp.) kaj eltrovi, esplori ĉiujn tradukitajn kantojn. Povas esti, ke entute ekzistas ĉ. 400 kantoj, kiujn Joachim Gießner tradukis. Tio estas/estos riĉa kolektaĵo por la Esperanto-movado.

Ni dankas al Magdalena Feifiĉova pro la sindona helpo.

*ICH-teamo en Herzberg.*

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*58-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
« co16919@iperbole.bologna.it »

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
« kozsu13@freemail.hu »

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
« marica.brletic@hznet.hr »

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
« laurent.Vignaud@free.fr »

**Redaktoro**: Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72230 Arnage - France
Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39
« jeanripoche@wanadoo.fr »

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
« niemann@kabelmail.dk »
SK: D-ro Heinz Hoffmann
« IFEF.B90Gr-mei@-online.de »
SK: Inĝ Ladislav Kovář
« ladislav.kovar@worldonline.cz »

# Forpaso



***Henry Bengtsson,*** eminenta sveda fervojisto kaj terminologo, mortis la 28an de julio 2005 je la aĝo de 91 jaroj. Li estis unu el la plej anonimaj kunlaborantoj pri la terminara laboro de IFEF.

Tre, tre malofte - se iam - oni aŭdis lian nomon aŭ lian verkon, kiam temis pri la rezultoj de la terminara laboro. Tamen, jam en 1976 aperis lia verko *Fervoja Terminaro Svenska-Esperanto, Esperanto-Sveda,* 167-paĝa verko en formato 17x13 cm, eldonita de la tiama Sveda Esperanta Fervojista Asocio (SEFA).

La bronzan medalon de FISAIC li ricevis en 1976, sed nur en 2002 li atingis la Honoran Membrecon de IFEF.

Malmulton ni scias pri la enorma laboro de Harry Bengtsson, kaj multaj povus lerni de lia modesteco per serioza kaj konstanta laboro. Honoron ni atribuu al la laboremo de Harry Bengtsson, kiu spite al la abrupta ĉesigo de SEFA sukcesis konservi ĉe ni la memoron pri granda homo.

*DEFA*

***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp.*
*Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*